

# VALENCIA LUNO

Tria epoko – numero 3 – Marto 2020



★ Deveno de la vorto "krokodili"

★ Kiam, kie, kio okazos?



# LA HIEROGLIFA SKRIBO ĈE LA ANTIKVA EGIPTIO




BULTENO DE VALENCIA ESPERANTO-GRUPO

VALENCIA ESPERANTO-GRUPO
Av. Peris y Valero, 96, 3-a, pordo 5
46006 VALENCIA
Tel. 655 315 457

LUM-RADIO
Avda. Castilla, 25
46380 CHESTE (Valencia)

Redaktoro kaj kompostisto: Eduardo Alonso Navarro

Revizio: Elías Hernández Capdevila kaj Iván García

Rimarkoj pri la bulteno kaj kunlaboroj: valencialuno3@gmail.com

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

KOVRILO:



Hieroglifoj en la Templo de Kom Ombo - Egiptio

# ENHAVO



Foto: Nombroj en la Templo de Kom Ombo - Egiptio

# SALUTON!
## Nova kap-linio

Karaj geamikoj:

Verŝajne vi jam rimarkis, ke ni ŝanĝis la kap-linion de nia bulteno. Ĝi ne multe ŝanĝiĝis, certe, sufiĉe por enmeti ĝin en la 21a jarcento, sed konservante la elementojn, kiuj konsistigas ĝin, kaj por konservi certan kontinuecon.

Aliflanke, ĉi tiuj elementoj ŝajnas al mi tre bone elektitaj, ĉar ili reprezentas la nomon de nia informilo, same kiel nian urbon, kaj kompreneble Esperanton.

Tial tio ne estas vera ŝanĝo, sed nur malgranda ĝisdatigo de la dezajno farita de la granda artisto Manolo Monleón, antaŭ jam 52 jaroj.

Agrablan legadon!

Eduardo Alonso




*Nia malnova kaplinio*

# LA HIEROGLIFA SKRIBO ĈE LA ANTIKVA EGIPTIO

## Prelego de Elías Hernández Capdevila

Laŭ-kutime, la sepan de februaro, ni okazigis nian ĉiu-monatan prelegon ĉe nia grupejo. Kiel certe ĉiuj niaj legantoj jam konas, unu el niaj kun-grupanoj prelegas ĉiu-monate, je la unua vendredo de tiu monato, pri iu ajn temo, kiun li aŭ ŝi elektas. Tiu prelego okazas per nia mirinda lingvo, kompreneble, ĉar tiu evento estas unu el la plej gravaj okazaĵoj dum tiu monato.


*Ŝtono Rosetta (detalo)*

Ĉi-foje, nia kun-grupano Elías prelegis dum preskaŭ du horoj, de la sesa horo ĝis ĉirkaŭ la oka post-tagmeze, elektinte la temon LA HIEROGLIFA SKRIBO ĈE LA ANTIKVA EGIPTIO. Laŭ la tutaj ĉeestantoj, la prelego estis tre interesa kaj eĉ instruema, ĉar Elías laboris dum pli ol kvardek jaroj kiel instruisto, kaj ne povas ĉesi sia ŝato pri instruado kiam li prelegas aŭ prezentas ion novan al la aliuloj. La prelego estis prezentita per Powerpoint-a lum-bildaro, helpe de multnombraj plen-koloraj bildoj. Elías aperigis sur la ekrano multe da informo pri tiu skrib-maniero, kiu estis uzata de la antikvaj egiptoj dum preskaŭ 3500 jaroj.

Niaj kun-grupanoj ĉeestis preskaŭ amase, kaj ni povas certigi parkere almenaŭ la ĉeeston de Rosa, Pepe, Vicent, Iván, Raúl, Luis inter aliaj. Cetere, ni ricevis la agrablan viziton de nia amiko el Teruelo Alberto Granados, kiu ankaŭ ĉeestis la prelegon, kaj kiu poste rakontis al ni tre interesajn novaĵojn pri la grupo al kiu li partoprenas, la fama kaj tre aktiva kaj agema Libera Animo. Ni ankaŭ ricevis la viziton de malnova sed ankoraŭ juna grupano, Juan Alegre.



*Kartoĉo de Ptolemeo XII en la Templo de Kom Ombo - Egiptio*

Ankaŭ laŭ-kutime, kaj dum la prelego estis okazanta, en apuda klas-ĉambro, nia kun-grupano Dennis instruis la kutiman Fulmo-kurseton de Februaro, kiun ankaŭ ni okazigas ĉiu-monate, je la unua vendredo de ĉiu monato. Ĉi-foje, Eduardo helpis Dennis dum la du horoj, kiel kurso-helpanto. Nur unu nova lernantino ĉeestis. Ŝi nomiĝas María, kaj klarigis al ni ke la kialo por sia partopreno je tia kurseto baziĝas pri tio ke ŝi estas skribanta nun libron, kaj ŝi volas enmeti kelkajn frazojn en Esperanto en sia verko. Ŝia klarigo estis tre bona surprizo, kaj ni jam volus legi tiun novan verkon de María.

Elías Hernández Capdevila

# LanguageTool (Lingva ilo)

## Stilo kaj gramatika korektad-programaro




LanguageTool estas programaro pri gramatiko kaj korektado de stilo por la angla, franca, germana kaj multaj aliaj lingvoj. Vi povas pensi pri LanguageTool kiel programaro por detekti erarojn, kiujn simpla literumilo ne povas detekti. Ĝi ankaŭ povas detekti iujn gramatikajn erarojn, kaj eĉ donas informojn pri la eraro, en la kazo de Esperanto per ligo al PMEG

La subtenataj lingvoj estas: asturia, belorusa, bretona, kataluna, ĉina, dana, nederlanda, angla, **Esperanto**, franca, galega, germana, greka, itala, japana, persa, pola, portugala, rumana, rusa, slovaka, slovena, hispana, sveda, tagala, tamila, ukraina. Atentu, ke la nivelo de subteno tre varias inter lingvoj.

Tiu programaro estas havebla kaj instalebla por Firefox, Chrome, Edge, Opera, Microsoft Word, Libre Office, Google Docs, ktp.

Retpaĝo: https://www.languagetool.org/es/

# LA PASINTECO
## Deveno de la vorto "krokodili"

Ĉirkaŭ la jaro 1930 kaj dum la postaj jaroj vivis en Parizo itala esperantisto nomata Emilio Ferrari, kiu havis la ŝercan alnomon Napoleono.

Li estis taksi-ŝoforo kaj surhavis ĉiam la verdan stelon. En ĉiu numero de "La Movado", la tiama Esperanto-gazeto, kiun mi posedas de 1931, dato de mia esperantiĝo, ĝis 1933, dato de lia morto, troviĝis reklamo por tiu verda taksio.

**DEVENO DE LA VORTO "KROKODILI" !.**

Ĉirkaŭ la jaro 1930 kaj dum la postaj jaroj vivis en Parizo itala esperantisto nomata Emilio Ferrari, kaj la ŝerca alnomo Napoleono.

Li estis taksi-ŝoforo kun la verda stelo. En ĉiu numero de "La Movado", la tiama Esperanto-gazeto, kiun mi posedas de 1931, dato de mia esperantiĝo, ĝis 1933, dato de lia morto, troviĝis reklamo por tiu verda taksio.

umm!
Bonvolu ne krokodilu

Li eĉ gvidis kurson de Esperanto por siaj kolegoj taksi-ŝoforoj kaj en tiu gazeto estis ofte menciita lia aktiveco kiel esperantisto.

Nu, en 1932 li fariĝis kelnero en kafejo "Imperator" kaj ofte vizitadis alian kafejon, "Le Talma", kie ĉiu sabate posttagmeze okazis renkonto de esperantistoj, ĉefe relative freŝbakitaj, kaj tie, same kiel en kafejo "Imperator", ĉiufoje kiam li aŭdis ke iu parolis francan lingvon, li kolere ekkriis: "Kiuj estas tiuj krokodiloj ?".

Tiu esprimo ne havis por li apartan signifon. Li estus povinta insulti per "fuŝuloj, stultuloj, kameloj" aŭ similaj epitetoj, kaj tio estis nur por laŭtigi sian malkontenton, ke oni ne uzas la "karan" lingvon .

Lia esprimo estis tiom ripetata, ke ĝi transiris al aliaj parizaj renkontiĝejoj kaj poste ĝi fariĝis, migrante de grupoj al kongresoj, eĉ internacia. Tiu pura esperantista idiotismo ( ne ideotaĵo), kiun tiel ofte oni aŭdis dum "Universalaj Kongresoj", naskigis la spritaĵon:

"Ili estas kongresoj, kie oni aŭdas la plej multajn naciajn lingvojn !".

Pri tiu vera origino mi povas nerifuteble atesti, ĉar mi estis ofte aŭdanto de tiu kolersplodo...

(Tia estas la historio de la vorto "krokodili" rakontita de Roger Bernard, kaj ĉerpita el "1887 kaj la sekvo", de Waringhien).

(el "EVENTOJ" , mardo (2) - 93)

Li eĉ gvidis kurson de Esperanto por siaj kolegoj taksi-ŝoforoj kaj en tiu gazeto estis ofte menciita lia aktiveco kiel aktiva kaj agema esperantisto.

Nu, en 1932 li fariĝis kelnero en kafejo “Imperator” kaj ofte vizitadis alian kafejon, “Le Talma”, kie ĉiu sabate posttagmeze okazis renkonto de esperantistoj, ĉefe relative komencantoj, kaj tie, same kiel en kafejo “Imperator”, ĉiufoje kiam li aŭdis ke iu parolis la francan lingvon, li kolere ekkriis: “Kiuj estas tiuj krokodiloj ?”.

Tiu esprimo ne havis por li apartan signifon. Li estus povinta insulti per “fuŝuloj, stultuloj, kameloj” aŭ similaj epitetoj, kaj tio estis nur por laŭtigi sian malkontenton, ke oni ne uzas la “karan” lingvon.

Lia esprimo estis tiom ripetata, ke ĝi transiris al aliaj parizaj renkontiĝejoj kaj poste ĝi fariĝis, migrante de grupoj al kongresoj, eĉ internacia. Tiu pura esperantista idiotismo (ne ideotaĵo), kiun tiel ofte oni aŭdis dum “Universalaj Kongresoj”, naskigis la spritaĵon:

“Ili estas kongresoj, kie oni aŭdas la plej multajn naciajn lingvojn!”.







Pri tiu vera origino mi povas nerifuteble atesti, ĉar mi estis ofte aŭdanto de tiu koler-splodo...

(Tia estas la historio de la vorto “krokodili” rakontita de Roger Bernard, kaj ĉerpita el "1887 kaj la sekvo", de Waringhien).

(el "EVENTOJ", mardo (2) – 93)

(Valencia Luno n-ro 37 Julio 1993)

# PROTOKOL-LIBRO DE SESIOJ

## Kion ni faris en februaro?

**La 7-an** de februaro, unua vendredo de la monato, je la 4-a, ni daŭrigis niajn Kurso Benson kaj BEK Kurso. Poste ni komentis la ĉapitron 6 de Don Kiĥoto, kiu temas pri la granda kaj amuza elsarko, kiun la pastro kaj la barbiro faris el inter la libroj de nia inĝenia hidalgo.

Post longa tempo, antikva sed ankoraŭ juna samideano, Juan Alegre, revenis al niaj kunvenoj. Ni ankaŭ ricevis la viziton de Alberto Granados el Teruelo.

Ĉi-semajne oni daŭrigis en nia Grupejo PIV la ĉiu-monatan prelegon, laŭ-kutime okazanta je la unua vendredo de ĉiu monato.

Ĉi-foje, nia preleganto estis nia kunulo Elías, grupano 253 de la Grupo, kaj lia prelego temis pri La Hieroglifa Skribo en la Antikva Egiptio. Kompreneble, la prelego estis prezentita per nia mirinda lingvo Esperanto, kaj komenciĝis je la sesa horo posttagmeze, pere

de projekciilo donacita de nia prezidanto Raúl. Ni tre dankas Raúl pro tio, kompreneble.

Dum la prelego oni servis kafon, teon, manĉan (elvenanta el la regiono La Manĉo) fromaĝon kaj manĉan vinon, ĉi-foje donacitajn de Rosa kaj Dennis por celebri nian novan kurson Don Kiĥoto!

Samtempe, kaj en apuda klas-ĉambro, nia kunulo Dennis instruis la Kurson pri Esperanto por Komencantoj, semajno 1 el 4. Tiu kurseto estas unu el la plej gravaj eventoj de nia eventaro, ĉar tio ebligus la varbadon de novaj esperantistoj por nia Grupo.

Kaj fine oni riparis la pordon de la montrofenestro, kiu estis malmuntita.

**La 14-an** de februaro ni daŭrigis nian aktivecon per Kurso Benson kaj BEK Kurso. Poste ni komentis ĉapitron 7 de Don Kiĥoto, pri la dua eliro de nia bona kavaliro Don Kiĥoto de la Manĉo, kie ni ekkonis Sancho-n!.

Ni ankaŭ suprenirigis al nia ĉefsidejo la fridujon, kiun Eduardo Martínez donis al ni. Ni tre dankas Eduardo pro tio.

Por regajni forton, ĉi-foje ni akompanis la teon per bongusta kaj dolĉa jogurta kuko farita de Rosa.

Je la 6a horo, Kurso por Komencantoj, semajno 2 el 4.

**La 21an** de februaro, je la 4-a vespere ni faris ekzercojn pri la Historio de la Homaro, direktitaj de Rosa.

Tiam, je la 5-a, utiligante la foreston de Dennis, ni donis feriojn al Don Kiĥoto, kaj ni faris ekzercojn de babilado dum ni prenis teon, laŭ-kutime. Dume Rosa kaj Raúl faris kompletan purigadon de nia nova fridujo.

Je la 6a ni daŭrigis la kurson por komencantoj, semajno 3 el 4, studante paĝojn 13 ĝis 16 de BEK-1

**La 28an** de februaro, ni bonvenigis Laura Brazzabeni, itala esperantistino kaj vicprezidantino de la FEI - Federazione Esperantista Italiana (Itala Esperantista Federacio) kiu interalie rakontis al ni pri la 87-a Itala Kongreso de Esperanto kio okazos en Asizo, 22–29-a de aŭgusto 2020.



Jen fotaĵo pri tiu renkontiĝo, kie oni povas vidi, de maldekstre, Rosa, Jaŭme, Ismael, Dennis, Eduardo, Luis, Laura kaj Raúl. Iván kaj Pepe sidis trankvile, dum siaj kun-grupanoj laciĝis, malsatis kaj soifis ...

Je la 5-a, ni parolis pri ĉapitro 8 de Don Kiĥoto, kiu temas pri la brava faro de la kuraĝa don Kiĥoto en la terura kaj neniel imagebla aventuro de la vento-muelejoj, kun aliaj eventoj memorindaj. Poste, je la 6-a, ni finis la kurson por komencantoj, semajno 4 el 4, kun BEK-1, paĝojn 17 ĝis 19. Ankaŭ en tiu tago aperis la numero 2 de Valencia Luno, kun granda sukceso inter niaj legantoj.

Eduardo Alonso

# DEKLARO DE UEA

## OKAZE DE LA INTERNACIA TAGO DE LA GEPATRA LINGVO, 21 FEBRUARO 2020

[ Mesaĝo sendota al UN kaj Unesko en la venontaj tagoj. Kun afabla peto republikigi ĝin en viaj lokaj kaj landaj paperaj gazetoj kaj aperigi ĝin en viaj aliaj komunikiloj. Dankon! ]



Unuiĝintaj Nacioj kaj ties membraj ŝtatoj alvokis al atingo de bonkvalita edukado por ĉiuj kiel la kvara el deksep Celoj por Daŭripova Evoluigo atingendaj ĝis la jaro 2030. Inter la antaŭvidataj rezultoj kaj la iloj por realigi tiun kvaran Celon por Daŭripova Evoluigo estas:

• Universala elementa kaj meza edukado

• Universala antaŭelementa edukado

• Universala kapablo legi kaj skribi inter la junularo

• Genra egaleco

• Efikaj lernaj medioj

• Kvalifikitaj instruistoj



▲ UN and UNESCO share causes with UEA.

Tiu Celo supozigas, ke, se studentoj frekventas lernejojn sub zorgo de kvalifikitaj instruistoj, ili lernos.

Sed tie kuŝas silenta antaŭsupozo – nome ke la studentoj instruiĝu en lingvo kiun ili komprenas.

En multaj landoj kaj cirkonstancoj ili ne estas instruataj en la propraj lingvoj kaj oni malmulton faras por helpi ilin transiri al la lingvo de instruado. Tio ofte malavantaĝas ilin tutvive, nuligante la pozitivon de lerneja ĉeesto, de kompetenta instruado, kaj de investo en lerneja infrastrukturo.

Sen instruado de lernantoj en lingvo kiun ili komprenas, ni forĵetas monon kaj, kun ĝi, promesplenajn vivojn.

Pro tio, UNESKO proklamis la 21-an de februaro Internacia Tago de la Gepatra Lingvo, festata ĉiujare. Ĝi ĉefe celas emfazi la edukajn avantaĝojn de uzado de la gepatra lingvo en lernejoj, precipe elementaj lernejoj. Infanoj lernas legi kaj skribi pli rapide en

Internacia
TAGO de la
GEPATRA
LINGVO
21-a de februaro 2020

En oficialaj rilatoj kun UN kaj UNESCO

"Ni devas defendi ... la indiĝenajn lingvojn, pri kiuj ni scias, ke ili malaperas laŭ la ritmo de po unu ĉiujn du semajnojn – kio estas neriparebla perdo por la homa heredajo."
Direktoro Ĝenerala, UNESCO

**Infanoj rajtas lerni per sia hejma lingvo.**
**Unesko** kaj la movado por la internacia lingvo, **Esperanto**, respektas kaj subtenas lingvan kaj kulturan diversecon en la mondo.

lingvo kiun ili plene scipovas – aŭ, pli precize, ili spertas malavantaĝon se ili devas komenci sian lernadon en lingvo kiun ili ne scipovas, parte aŭ komplete.

La Internacia Tago de la Gepatra Lingvo memorigas nin ankaŭ, ke en multaj mondopartoj al tutaj lingvoj mankas oficiala statuso, oni diskriminacias kontraŭ iliaj parolantoj kaj oni malatentas iliajn kulturajn valorojn.

Universala Esperanto-Asocio, kiel unu el malmultaj neregistaraj organizoj kiuj sin koncernas pri lingvaj demandoj, fote subtenas la Internacian Tagon de la Gepatra Lingvo kaj ĝia mesaĝo de lingva justeco por ĉiuj. Kiel diris Audrey Azoulay, Ĝenerala Direktoro de UNESKO, en 2018: "Nia Organizaĵo dividas kun la esperantista Movado komunajn valorojn: esperon en konstruado de paca mondo, harmonian kunvivadon inter la popoloj, respekton al kultura diverseco, solidarecon trans la limoj."

Mallonge dirite, UEA kredas je edukado por ĉiuj en lingvoj kiujn ili komprenas, je lingva justeco ĉiuaspekta kaj je mondo paca per edukado kaj kompreniĝo. Nia Asocio laboras por tiuj celoj en ĉiu angulo de la mondo, ligita de la Internacia Lingvo Esperanto. Ni alvokas al Unuiĝintaj Nacioj, UNESKO kaj ĉiuj laborantoj por daŭripova mondo, ke ni kune atingu la kvaran Celon por Daŭripova Evoluigo kaj la scion, egalecon, justecon kaj perspektivon kiuj akompanus tiun atingon.

# LA ESTONTECO

## Kiam, kie, kio okazos?




Internacia Kalendaro de Esperanto-aranĝoj

http://www.eventoj.hu/

Kiam, kie, kio okazos? La Internacia Kalendaro listigas ĉiujn publikajn kaj konatajn Esperanto-aranĝojn, renkontiĝojn, festivalojn kaj kongresojn, kiuj bonvenigas viziton de vojaĝemaj esperantistoj.

25 - 29. marto



Bibliaj Tagoj - en Worms, Germanio. La Bibliajn Tagojn ofertas "Esperanto-Liga für Christen in Deutschland", la germana sekcio de Kristana Esperantista Ligo Internacia. Ĉiu, kiun interesas kristanismo, estas bonvena. Ni diskutas, kantas, diservas, ĉio en ekumena etoso. Posttagmeze ekskursoj al Wiesbaden. Organizas: Rudolf Fischer, Gustav-Adolf-Str. 2a, D-48356 Nordwalde, Germanio. - retadreso: fischru@uni-muenster.de



26 - 29. marto

50-a lingva seminario - en Malá Skála, Ĉehio. Seminario - paroliga kurso en Ĉeha paradizo en bela naturo. Organizas: Lenka Angelová kaj Jindřiška Drahotová, Na Okrouhlíku 953/21 530 03 Pardubice, Ĉehio. - retadreso: l.angelova@seznam.cz, drahotovaesperanto@seznam.cz

26 - 30. marto



Mez-Anglia Semajnfino Esperantista (MASE) - en Wellesbourne, Unuiĝinta Reĝlando. Kvartaga semajnfino por verŝajne inter 10 kaj 20 esperantistoj, dum kiu ni uzos ĉefe Esperanton inter ni. Estos tabulludoj kaj kartludoj. Estos bonaj manĝaĵoj veganaj, vegetaraj, kaj fojete kun viando. Ni proponas ekskurson al Stratford-upon-Avon, la urbo de Shakespeare, kaj al Royal Leamington Spa. Organizas: Tim Morley, kun helpo de kelkaj partoprenantoj. - retadreso: saluton@mase.org.uk




27 - 29. marto

87a Regiona staĝo de Esperanto - en Art-sur-Meurthe, Francio. Meze de 11-hektara parko proksima de rivero Meurthe, ni disponos je unu el la 6 konstruaĵoj por laŭplaĉe lerni, babili, ridi, aŭskulti prelegojn, ĝui kantan spektaklon, rigardi farmbestojn ... aŭ trafoliumi la 700 titolojn de nia libroservo! Organizas: Esperanto Nancy 54. - retadreso: esperanto-nancy-54@laposte.net

27 - 30. marto



13-a Mezorienta Kunveno - en Çeşme/Ĉeŝme, Turkio. Organizas: Annie Grente, Neapoli, Grekio. - retadreso: anniegrente@hotmail.fr




28. marto

Kultura Tago - en Lunteren, Nederlando. Temo: Faktoj kaj Fantasioj, prelego: Federico Gobbo, kvizo: Bert de Wit, koncerto: Kajto. Organizas: Esperanto Nederland, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen, Nederlando. - retadreso: sekretario@esperanto-nederland.nl

---

1 - 8. aprilo




Laborbrigado en la Esperanto-Stacio - en Halbe ĉe Berlino, Germanio. La Esperanto-Stacio estas nova renkontiĝejo por esperantistoj en stacidomo sude de Berlino. Ni kune preparu la domon por printempa kaj somera sezono kun multaj esperantaj aranĝoj! Dum la laborbrigado ni renovigos la kadukajn ĉambrojn. Ekzemploj de labortaskoj: farbado, muntado de mebloj, ĝardenumado, purigado ktp - laŭ interkonsento. Ni laboros 4 horojn tage, poste estos komunaj aktivaĵoj kiel ekskursoj al Berlino, migrado en la naturparko, ekskursoj al la vilaĝoj de la soraba malplimulto aŭ naĝado en la lago. Loĝado surloke senpage, uni mem zorgas pri manĝoj (supermerkato tuj apude). Vojaĝkostoj ne estas repagataj. Organizas: Esperanto-Stacio. - retadreso: esperantostacio@gmail.com



1. aprilo - 31. majo

Esperanto-Plaĝo II - en Cullera (Valencio), Hispanio. Esperanto-Plaĝo II, La 2a Jaro - en Cullera (Valencio), Hispanio. La plej longa, intensa kursaro nuntempe en

Esperantujo! Dumonata kursaro (61 tagoj) por komencantoj, komencintoj, progresantoj, kaj ankaŭ por altnivelaj Esperantistoj kiuj volas lerni instruadon kaj metodikon. Aprilo BEK-Kurso kun la Valencia Metodo por lerni la lingvon parole kaj skribe. Majo, UNESKO-Kuriero kaj lecionoj de la Universitato de Esperanto kun diskutado. Literaturo. Ebla partopreno en la Hispana Landa Kongreso. Partopreno en la kursoj de la Esperanto-Grupo de Valencio. Speciale por emeritoj el Azio, Eŭropo, Nordameriko, kune. Apudmara loĝado, kundividita loĝejo (dormoĉambro, banĉambro, kuirejo, salono, apudmara balkono) ĉirkaŭ 400 eŭroj por du monatoj. Kurso-kotizo por du monatoj: 380 eŭroj. Rezervado: 100 eŭroj. Organizas: Dennis Keefe kaj la Esperanto-Grupo de Valencio - retadreso: keefeinchina@gmail.com

2 - 5. aprilo




Israela Kongreso de Esperanto - en Tel-Aviv- La konreso havos riĉan internacian artan programon: Bronŝtejn, Zuzana kaj la ukraina ensemblo A.M.O. Estos 3 duontagaj ekskursoj. Eksterlandaj gastoj povos kombini la Mezorientan Kunvenon de MONA en Turkio (27-30.3.2020 https://uea.org/vikio/La_dek-tria_Mezorienta_Kunveno_en_Turkujo ) kun la Israela Kongreso kaj postkongreso (5-12. aprilo) por du-semajna Esperanto-festeno. Organizas: E-Ligo en Israelo (ELI) eli@esperanto.org.il



6 - 13. aprilo

36-a PSI - Printempa Semajno Internacia - en Wittenberg (Saksio-Anhalto), Germanio. PSI estas granda internacia renkontiĝo por la tuta familio dum unu semajno ĉirkaŭ pasko. Ĝi okazos en la moderna junulargastejo Wittenberg, kiu estas parto de la

historia kastela komplekso kaj monda heredaĵo; tuj apude de la preĝejo kun la Lutera teza pordo. Dum la semajno ni havos prelegojn, Esperanto-kursojn, sportajn aktivaĵojn, diversajn manlaborojn, ekskursojn kaj koncertojn. Inf.: Ralf kaj Zoja HAUMER, rete: ralf.haumer@esperanto.de . Organizas: Germana Esperanto-Asocio, Katzbachstrasse 25, 10965 Berlin, Germanio. - retadreso: psi@esperanto.de




11 - 13. aprilo

72-a kongreso de SAT-Amikaro - en Baugé, Francio. Organizas: SAT-Amikaro. - retadreso: sekretario@sat-amikaro.org

16 - 18. aprilo

7-a Irana Esperanto Kongreso, IREK-7 - en Teherano, Irano. Temo: Esperanto kaj Daŭra Turismo. Organizas: Irana Esperanto Asocio (IREA). - retadreso: info@espero.ir







17 - 19. aprilo

Brita Kongreso 2020 - en Leicester, Britio. Dum la 101-a brita kongreso vi estos en amika ĉirkaŭaĵo kun malvarmetaj trinkaĵoj en la mano. Ni havos gastpreleganton, prezentojn, atelierojn kaj diskutgrupoj. Estos ebleco praktiki vian Esperanton kaj renkonti aliajn esperantistojn. Grupmanĝo ĉe loka restoracio. Ekskursoj al la Richard III Vizitcentro kaj Batalkampo de Bosworth. Ekskursoj al la Nacia Kosma Centro kaj Abbey Parko. Organizas: Esperanto Association of Britain, EAB, Esperanto House, Station Road, Barlaston, Staffordshire, ST12 9DE, Britio. - retadreso: eab@esperanto.org.uk

17 - 19. aprilo




Ŝĉecina Esperanta Printempo - en Szczecin (Ŝĉecino) Pollando. Kutima ĉiujara printempa renkontiĝo en nia bela urbo Ŝĉecino. En la programo i.a. koncerto en filharmonio, vizitado de kastelo, prelegoj kaj elpaŝoj de lokaj esperantistoj kaj gastoj, komunaj ĝisnoktaj kafoklaĉoj. La kotizo inkludas kostojn de tranoktado kaj manĝado en loka renkontejo. Organizas: Ŝĉecina Filio de Pola Esperanto Asocio. - retadreso: lobacz.k@onet.eu

PRINTEMPaS

17 - 25. aprilo

10-a PRINTEMPaS - en Baugé, Francio. Intensaj kursoj kun Przemek Wierzbowski el Bjalistoko, Marion Quenut kaj Christophe Chazarein el Tuluzo. En la fino eblas KER-ekzameniĝi! (B1, B2, C1) Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

23 - 26. aprilo




1-a Filipina Junulara Kongreso de Esperanto - en Quezon City, Metro Manila, Filipinoj. La 1a Filipina Junulara Kongreso de Esperanto (FJK) estas la historia unua landa kunveno de junaj filipinaj esperantistoj. Alilandaj partoprenontoj estas invitataj! Malkovru la riĉajn kulturon kaj heredaĵon de Filipinoj kaj konatiĝu kun filipinaj samideanoj per bunta programo: movadaj diskutoj, paroligaj kursoj, kulturaj prelegoj, artaj prezentaĵoj, promenado, ktp. Ĝuu pacan kaj verdan medion en universitato meze de la tropika somera sezono. Kongresa temo: "La Esperanto-Movado: Freŝa Komenco en Multkultura Filipinoj". Organizas: Filipina Esperanto-Junularo (FEJ), University of the Philippines Diliman, Quezon City, Metro Manila, Filipinoj. - retadreso: peyc2020@gmail.com




24 - 25. aprilo

KER-ekzamenoj post PRINTEMPaS - en Baugé, Francio. Eblas ekzameniĝi en KER-niveloj B1, B2, C1. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

24 - 26. aprilo

Printempa Esperanto-Renkontiĝo (PER) - en Boone, Norda Karolino, Usono. Jara renkontiĝo de Esperantistoj en la sudorienta parto de Usono. Organizas: Karlo MAYS, 16 Dixie Trail, Raleigh, NC 27607, Usono. - retadreso: charles.o.mays@gmail.com





30. aprilo - 3. majo

Svisaj Esperanto-Tagoj - en Zuriko, Svislando. La Svisaj Esperanto-Tagoj estas kultura Esperanto-evento kun prelegoj, muziko, filmoj kaj teatraĵo, en kies kadro okazos la ĝeneralaj kunvenoj de Svisa Esperanto-Societo,

Esperanto-Societo Zuriko kaj Junularo Esperantista Svislanda. Organizas: Svisa Esperanto-Societo, Esperanto-Societo Zuriko, Archstr. 2, poŝtfako 26, CH-8613 Uster 3, Svislando. - retadreso: ses@esperanto.ch

30. aprilo - 3. majo




PIV 50 jaroj post la unua eldono - en La Chaux-de-Fonds, Svislando. Lingva kolokvo kun prelegoj kaj diskutoj inter esperantologoj, vortaristoj, akademianoj pri la evoluo de la leksiko dum duona jarcento post PIV. Organizas: Kultura Centro Esperantista. - retadreso: KCE@esperantio.net

30. aprilo - 3. majo



PEKO - en Tilff, Esneux, Belgio. De pluraj jaroj, PEKO estas LA kongreso en Belgio. NEPRE venu kaj invitu viajn amikojn, genevojn, genepojn, najbarojn, E-lernantojn...
Organizas: Verdaj Skoltoj.
retadreso: info@verdajskoltoj.net

~~30. aprilo - 4. majo~~ (ATENTU: La kongreso estis prokrastita ĝis la monato oktobro)




79-a Hispana Esperanto-Kongreso - en Comillas, Kantabrio, Hispanio. La Hispana Esperanto-Federacio (HEF) kaj Kantabra Esperanto-Asocio (KantEA) invitas vin partopreni en la 79-a Hispana Esperanto-Kongreso, en Comillas, urbeto ĉe la marbordo de la nordo de Hispanio, proksima al Santandero, kaj kun grava historia, turisma kaj universitata havaĵo. Venu kaj ĝuu grandan esperantan kulturarangôn en Hispanio. Organizas: Kantabra Esperanto-Asocio, kunlabore kun Hispana Esperanto-Federacio, San Fernando 58, principal 8, ES-39010 Santander, Hispanio. - retadreso: kongreso@esperanto.es



30. aprilo - 4. majo

Koruso-Migrado-Naturarto - en Baugé, Francio. Longa semajnfino kun pluraj E-aktivaĵoj. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé en Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

fonto: http://www.eventoj.hu

# ERAR-TABELO

## Korekto el la resumo el la prelego Taga Astronomio

Bedaŭrinde iuj eraroj filtris en nia antaŭa numero. Feliĉe, nia spertulo pri Astronomio, Vicent Gimeno, detektis ilin kaj sendis al ni la taŭgajn korektojn kaj klarigojn, kiujn ni reproduktas sube. Niajn pardonpetojn, Vicent kaj multan dankon.

*"En Astronomio oni konsideras ke Eosto kaj Uesto, kiel Nordo kaj Sudo, estas du kardinalaj punktoj. Oriento kaj Okcidento reprezentas du kvadrantojn de la horizonto kiu ĉirkaŭprenas ĉiun naŭdek gradojn (vidu la du bildoj).*




*Laŭ la P.I.V. : ORIENTO, 1. Tiu PARTO de la horizonto ĉe kiu la suno ŝajne leviĝas.*

*Sekve,  la korektoj estas:*

*En la paĝo 7: Kiom da… ĉiam leviĝas EOSTE kaj sunsubiras UESTE, por ke la frazo havas sencon.*

*En la paĝo 8: … en ĉi tiu tago la Suno… precize sur la EOSTO punkto (azimuto de 90º) kaj… ekzakte sur la UESTO.*

*En la paĝo 9: En la posttagmezo… moviĝas al UESTO…*

*Dum la monatoj... sed ĉiufoje pli al nordo de la EOSTA punkto…*

*kaj… ankaŭ ĉiufoje… de la UESTA punkto…*

*En la suna trajektorio… en la Nordo de la EOSTA punkto… de la UESTA punkto…*

*C) … al la EOSTA punkto de la horizonto, kaj… al la UESTA punkto.*

*En la paĝo 10:*

*Poste la 21-an… forigas du fojoj (ORIENTA)*

*Kaj en la paĝo 11:*

*Forigas (ORIENTE) kaj (OKCIDENTEN) en la unua linio.*

*En la kataluna la kvadranto Nordo nomiĝas TRAMUNTANA.*

*En la sepa bildo (PANORAMO) de la Prelego vi povas vidi la diferencon inter la Orienta horizono (la parto de la horizono kie sunlevigxas dum la jaro), kiu cxiukauxprenas la kvar fotoj de sunlevigxo, kaj la centra foto en la Eosta punkto (la ekvinokso de la 23an de septembro)."*

